

# PENSEO

N-ro 344
jun. / 2020

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 31-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Maria Nazaré Laroca (Brazilo)



### Kontrapunkto

La fenestrojn de l' maten'
mi tute malfermas,
kaj la ĝojo de l' suno
la ĉambron inundas
per l'espero blua
de l'eterna maja ĉielo.

Ostaĝo de l' pandemio,
mi ŝvebas en sentempa spaco;
per muziko kaj libroj mi nutras
l'izoliĝon sub la formo de poezio.



*01/01/2020.*
*Juiz de Fora – Brazilo*

### Al kompato

*"Metu la glavon en ĝian ingon!" (Johano 18:11)*

Gardu vian glavon!
—al Petro Jesu' ordonas;
kaj hodiaŭ petus mi vane
al kiu min aŭdos neniam:
metu la parolon vian
en ekzilejon de l' kruelaĵo!
"Ho, amikoj, ne tiuj sonoj!"
(O Freunde, nicht diese Töne!)
La mondo bezonas aŭdi
la koruson de l'espero,
volas la "Odon al la ĝojo",
vivon venkantan morton
en hejmoj kaj hospitaloj.
"Ho, amikoj, ne tiuj sonoj!"
(O Freunde, nicht diese Töne!)

*Juiz de Fora, 08/05/2020.*

### Manko

Homo mi estas
kun malfacila rido:
ridas mi nur interne.
Estas homoj
kiu ridas sencele:
por ĉiuj por nenio
ridadon ne neas.
En ĉi tiuj tempoj
de pandemio,
mi malkovris
ke la mortintoj
plej memoratas
pro sia vivĝojo.
Ankoraŭ
estas temp'
la vizaĝon
senarmigi
per rideto.

*Juiz de Fora, 22/05/2020.*

## Rita Mkrtchyan (Armenio)



### Klaŭno

Al kuracist' alvenis homo,
Okuloj tristaj, bonvestita, juna,
Ĉapelo kaj bastono, tre ĝentila,

Nur tuŝis tre nervoze harojn brunajn.
— Doktoro, helpu, sed mi ne malsanas,
Ne havas la doloron, tute ne,
Sed mi ne dormas multajn jarojn,
Ne povas enlitiĝi, sonĝo estas rev'.
Alvenas ĉiunokte iu " monstro"
Timigas min, kaj, ŝajnas la frenez'
Min kaptas en kaptilo sia
Kaj daŭriĝas la sufer' sen ĉes'.
— Vi trankviliĝu, ĉio estos bone,
Bezonas en ripozo vi, en gaja emoci',
Pripensu, kio vin ĝojigos?
La rido estas la plej bona kuracil'.
Mi vin konsilas, iru en la cirkon,
En nia cirk' laboras la klaŭn',
Li revivigas plej sopirajn korojn,
Denove viv' lumiĝos, brilos sun'.
Ekstaris la junul', kurbiĝis,
Rigard' kiel sensona kri',
- Mi dankas, la doktoro,adiaŭ,
Klaŭno gaja tiu...estas mi.

**Laŭ la amata novelo de fama armena verkisto Mikael Manveljan " Klaŭno".*

## PAPOS NASCENTES (Brazilo)



### NENOMEBLA

Taon yin-yang brakumas
Tao unikas ununuras
Isis'-Osiris' Horuson donas
Horus' respektegas l' paron
ekestas Dio Patrin'-Patro
Amo inspiras fidon
dancas Animus-Animo
tiel ridetis Psiĥo

scie sentas Konscienco
Nemanifesto-Manifesto
cetere, Unuo Unuo
Nemanifesto ne loka ondo
Manifesto loka partiklo
Unuo – Komenca Konscienco

### Perversoj de pandemio

*(pri poemo de Marcio Allemand)*

nur dum pandemio kun socia izoligo
eblas ĉi morba enprofundigo
desfoliigo de multoblaj mioj
tiom konfliktantaj samtempece
elnudigo de gvid-fadenaj ŝajnigoj historie
dubojn remaĉi ĉi demona tuttempec'
pandemio – fratin' de pandemoni'
kion pri ni?
sen via veno virus' bonvena kion pri ni?
amikon vi metas kapmalsupren
instituciojn registarojn entreprenistojn
almozulojn
de ajnakosta prestiĝo: sifilisitaj
politikistoj
surkoran kison ho Kovid-19
pro malkaŝita korupto pro maskita
friponaĵ'
kvazaŭ honor-meritec'
pro diigo de ekonomi'
pro ĝenerala friponec'
pro multobla organkolapso!
kamarado viruso koran dankon!
koran dankon pro nin peli en la naĝejon
de l' certec'
la solvo nun: ĉion denunci kaj forviŝi
la solvo nun: ŝarĝi la mondon
kvin-dimensie!

## Ivanichka Magharova (Bulgario)



### Fervojstacio

Soleca mi estas
Inter
multe da homoj.
Vespera lacego!
Okulojn mi malfermas
kaj denove ekveturas
per trajno,
la trajno de miaj homrevoj.
Ĉi tiu fervojstacio-
iomete haltos la trajno.

Denove la homoj,
portante sur ŝultroj
siajn tagojn,
envagoniĝos .
Aliaj- elvagoniĝos-
Iliaj vojo estas finita.
Kaj denove la vagonaro
ekveturos sur la trako malnova.
La lokomotivo reklucos
la unuan
kaj poste duan kaj trian.
Kaj denove ĝi spiregos
ĝis la sekvonta fervojstacio.
Tie atendas ĝin
la homoj kun espero
amo kaj revo .
Sed mi kurbiĝos
sur la lasta sidtabulo,
kaj rigardos feliĉajn,
kontentajn kaj geamantajn homojn
ekportante la revojn kaj impostojn
al sia fervojstacio.
Malmulte estas la tempo
por mi
de kie la vagonaro
ekmovos sen mi
sur la eterna trako malnova,
por ke elvagoniĝu
kaj envagoniĝu la homoj.
La homoj de la estonteco!

*12.05.2020*

## Namhaeng Lee (Koreio)



### Malfermi niajn korojn

La vivo mem estas interesa
pro ĝojo pli granda ol nia supozo
kaj aliflanke ĉagrena pro deziro
pli granda ol realo.
Se ni ne malfermas pordon de niaj koroj,
ni ne povos senti blovon de novaj ventoj,
nek povos flari aromon de freŝaj floroj.
Ankaŭ mi estas tia homo, kiu ne fermas
pordon de koro por defendi min el ekstere,
sed volas esti tia homo, kiu malfermas ĝin
por koni min objektive
per okuloj de aliaj homoj.
Ĉar aliaj homoj povas trovi mian bonecon,
kiun mi ne povas scii per miaj okuloj.
Kompreneble, aliaj homoj povas vidi mian
malbonecon,kiun mi ankaŭ ne povas scii
per miaj okuloj.

### Arbo

Mi volas fariĝi birdo
por flugi sur ĉielo libere.
Mi volas fariĝi vento
por liberiĝi eĉ de reto kaptila.
Tamen la ĝisnuna vivo
diris al mi, ke mi fariĝu arbo.
Arbo staras
por ke birdoj povu ripozi,
kaj por ke eĉ vento povu resti.
Arbo staras,
kun fortaj radikoj sub tero
sen ŝanceliĝo eĉ en uragano.
La suno volas subiri la maron.
Al la jam de antaŭe promesita loko
hastas la suno, fininte sian taglaboron
kaj fariĝinte bela per kosmetiko.
Nun estas la eleganta kaj nobla vespero.
Eĉ la vento blovas kun aromo,
kvazaŭ portante bukedon de floroj
ene de sia brusto.
Oni diras, ke tio estas kutima.

### La ombrelo

Kiam mi estis knabino,
en pluva tago
mi trovis sub la ombrelo
mian propran etan spacon,
kiu estis mia mondo por revi
pri estonteco.
Kiam mi estis junuiino,
en pluva tago

mi trovis solecan
mian spacon sub la ombrelo.
Mi revis pri la junulo,
kiu okupas tiun spacon kune.
Ŝultron kun ŝultro duope
mi dankis ja pluvon,
kiu falis fajne sur miajn brakojn.
Mi revis pri feliĉo de geamatoj.
Nun en pluva tago
mi trovas tra la fenestro de mia
aŭto
geamantojn, kiuj preterpasas kun
ombreloj.
Mi jam ne havas tiun ombrelon.

**Siranuish SLAGMULDER (Francio)**



## Pri l'am'...pri la muzik'...



Nin invitas la naitingal'
En florĝarden' de l'amikec'
Sur branĉen kantas ĉiutag'
Pri ĉi temp' de la belec'!

La gitar' ludas kun birdet'
Tenere kantas klarinet';
Pri l'amo kaj la memor'
Pri sindono de la kor'!

La muzik' jen penetrante
Tra la mur' kaj tegment',
Eko dancas pro la vent'
Kun la am' nin gvidante!

L'amikec' alvokas nin,
Paroloj milde pri muzik'
Ĝoja tempo kovras nin
Verkas kanton muzikist'

*17/04/2020*

## Vojaĝo / fantastiko

Suno, kial vi min parolas tiel mallaŭte,
Pri la neĝo sur montaro jam degelante,
Pri la pluvgutoj, jen, fenestren frapante.
Finon de sezon', kunplezur' min montrante...
Profunde en mi, ian voĉon mi aŭskultas,
Ĝojplenan sonon jen, apud mi rezonas,
Eĉ dum la vintro la varmecon mi sentas,
Feliĉe! Ke la Tero ĉiam senĉese turnas.
Imagu!Iu-ajn en mia orel' l'amon murmuras,
Kun belaj songoj, ke Luno min akompanas,
Kaj tiu tenera koro sur mia vizaĝo kliniĝas,
Mirinde, ke li, kiel anĝel' min nokte
protektas.

## PRIPENSADO...

Kiam Amo revenus sur la Ter'
Kiam l'arĝent' ne regnus plu
Ni eble vere ŝanĝus nia er'
Aŭ Tero nin ne akceptus plu
Kiam la Paco marŝados fiere
Kiam soldatoj kantus pri amor'
Suno en ĉiel' vin ridetos ĉarme
Oni plu ne timus pro la mort'!
Kiam Amo Pacon sinbrakumus
Kiam riĉec' estus nur en via kor'
Malricêc' malaperus el homar'
Sur Planed' oni ĝoje interkisadus!
Kiam la riĉec' enirus en via kor'
Kiam soldatoj kantus pri amor'
Tiam homaro povus vivi feliĉe
Apud bestoj kaj birdoj kantinte!

**Iskouhi Avetiqian (Francio)**



## Saluton

Ho! Mi salutas vin, kara flava Sun'
Kaj foran arbaron apud la rivier'
Infanon trankvile ludante sen tim'
La rozon burĝonite en mia ĝarden'.
Ho! Mi salutas vin, kara verda mont'

Al la homo ankaû tuŝante le ĉiel,
Saluton!mil'farboj de bel'papilion'
Sunradion blondan, kiel isabel'
Ho! Mi salutas vin, kara blua mar'
Kaj lumon vesperan de bela Lun'
Segojn sur maro fluginte sen pen'
Agrablan zefiron ludinte sen ĝen'
Ho!Mi salutas vin, kara blanka nub'
Kiel ŝafido pasante tra sennub'ĉiel'
Eĉ mi salutas al forta tempet'
Sed mi ŝatas saluti al parol' liberec'

*11/05/2020*

## Lirio Silvestre (Usono)



### Mi Ĉiam Memoros Vin

Vi ne plu estas apud mi
Ĉar vi ne plu marŝas inter ni
Sed vi ĉiam estos en miaj memoroj
Mi vivigos vin per dolĉaj vortoj
Mi fervore alkroĉos vin
Kiel infano ĉiam alkroĉos sian patrin'
Panjo, dolĉa kaj aminta
Mi ĉiam memoros vin
Mi restos kun ĉi tiu melankolio
Vi estis grava parto de mia vivo
Kaj mi esperas, ke vi amante subenrigardas min
Kaj, ke vi fieras pri mi
Vi restos en mia mens' kaj en mia kor'
Kaj mi ampleksos ĉi tiun dolĉan doloron

### Kial vi foriris?

Voĉoj laŭtas en mia mens'
Mi ĉiam disputas kun miaj pens'
Kial vi foriris mia mond'?
Mian vivon ŝanĝis tiu ond'
Mi foje sentas, ke mi ankoraŭ aŭdas vian voĉon
Mi ne povas eskapi ĉi tiun doloron
Mi volas plori
Mi volas vin vidi
Sed ne eblas turni la tempon reen
Mi restos kun mia ĉagren'
Se nur vi scius kiom vi mankas al mi
Baldaŭ renkontiĝos ni for de la materialaĵ'
Tie, en la supraĵ'

## Siv Burell (Svedio)



### Ĉu oni rajtas esti si mem?

Ĉu oni agu laŭ sia vol´,
ne devi afektite rideti ?
Por mi la bonmaniera parol'
ŝajnas false preteti.

Eble oni foje ofendas
bonkoran invitemulon,
sed laŭtempe respektendas
ĉiun honestulon.

### Komuniku pli!

Kompreni sin mem
la ŝlosil' al kompren'
de la tuta homaro.
Triviĝas en la vivrivero
diversaj sortoj sur tero.

Komuniku senĉese
kaj impresoj pliiĝas
via cerbo vigliĝas
se vortojn ne obstakloj
baras, sed mirakloj
formas komunikom senĉese.

Pli gravas sur tero
vortoj en sincero.

### Via sorto estas justa

Via sorto estas justa
Vi mem elektis—
La universitaton aŭ la bazlernejon.
Akceptu
Kun ĝojo!

La amara
Eble estis
Ekzameno.



*pentrita de la aŭtorino*

## Ardo (Ĉinio)



### kelkaj hajkoj

hejmloko fora
min kaptas nostalgio
pro jun‘ memora.

vespera suno
elverŝis lastan brilon
por onta luno.

fluas rivero
laŭborde de dezerto,
venas somero.

ne plu por famo
mi strebas tiom longe,
Sed nun sen flamo.

en sonĝa juno
ekflamis am'kaj revo,
sen spur'sur duno.

## Elena Popova (Bulgario)



### Tulipo

Sen sin klini
al la suno juna,
la flor' promesis
tason da roso.
Mi jesas:
La sunaj lipoj
trinkis kaj kisis
la belan tulipon.
la birdoj bisis
la teneran kison.

## Xi Murong

La kanto de hejmloko estas fluto en la foro,
ĝi sonas ĉiam sub lunlumo.
Impreso mia pri l' hejmloko estas svaga la
ĉagreno
kvazaŭ mansvinga adiaŭ' en brumo.
Post disiĝo
fariĝis hejmsopiro mia l' arbo sen jarringo
kiu neniam svenos for kun fumo.
*Elĉinigis*



## Ĉuisto (Ĉinio)

## Mimoza Ahmeti



### Kiel vi povas forgesi tiujn okulojn

Ne eblas ke la homo forgesu la homon,
La dorsoj turniĝas, foriras kontraŭdirekten
Sed la penso..Ne konas ĝi turniĝon.
Ne eblas forgesi unu la alian.

Kiel vi povas forgesi miajn flueblajn okulojn,
Kiuj estas kvazaŭ du ĝojaj kaj esperigaj sojloj,
Kiuj estas kvazaŭ maro inter la buŝo kaj la
frunto,
Du sovaĝaj floroj, du fulmoj
Eternaj!

Kiel vi povas forgesi tiujn okulojn?

Ĉu vi scias kia terura cizilo estas la vido
Ilia?
Per tio mi jam gravuris la vizaĝon.

## Ne la celon

La kapriceman ludon de la sentimento mi perdis.
La malfleksecon de la unua junulineco mi perdis.
La ekscesajn vagadojn, la malzorgecon mi perdis.
La rigardojn kiuj estis sekvintajn min mi perdis.

Kaj multon alian similan.
Sed ne la lacecon, nek la celon.

La tentojn kiuj voris mian tempon mi perdis.
La facilanimajn amikojn kiujn neniam min konis.
La ĝenon de la malplena elkoreco mi perdis.
La animskuon, la aĝan necertecon mi perdis.

Kaj multon alian similan.
Sed ne lacecon, nek la celon.

## Senso, senso

Senso, ho mia unua viktimo
Denove vi apertiĝis, denove absorbas, purigita
En la vivo revenas,
Kvazaŭ diablon vin la cerbo uzas,
Pro krimo, ne kaptebla de la leĝo, insidita.

Tiel ankaŭ ĉivespere.
Hela, (Dio mia, kiom bela vi estas, dum estas hela)
Eltiras kaj absorbas sed ne performiĝas.

Nenio respondas vin, nenio vin apartenas,
Kaj vi, kara, denove devas fordoni.
Sed ĉivespere, al kelkiu, vi ne koncernas eĉ por doni,
Neniu amas vin, ho mia senso.

Kaj la cerbo, ĉi tiu tragika diablo
Nun ploras.
Kaj kia pekaĵo tio estas
Kiam la diablo ploras!
*Elalbanigis*



**Bardhyl Senimi**

**(Albanio)**

# El Ĉina Antikva Poezio

## Wang Guan (1035-1100)

### Adiaŭado al amiko

—laŭ melodio *Aŭguristo*

Akvo fluas kiel okulumoj
de belulino,
montoj pintas kiel ŝiaj brovoj
ja en fascino.
Se demandas vi al gasto, kien iras
li por pilgrimo?
Certe al la loko, kie akv' kaj montoj
en ilumino
kunfandiĝas kiel ŝia okulparo
kun flagra glimo.

Mi ĵus adiaŭis la printempon
en varma vento,
kaj nun ĝisrevidas mi vin
kun vea sento.
Se vi iros al sudlando ĝuste
en la momento
la printempa, nepre restu tie
ja kun kontento.

## Damo Wei (?-?)

—laŭ melodio *Budhista dancisto*

La roj' kaj mont' duonbanataj
de l' lumo de la subiranta sun'.
La spegula bild' de domoj
jen kaj jen ekkrispiĝas dum
zefiro blovas delikate.

Ekflugas ajksoj* du en kun'
panike pro moviĝo.
Trans roj' abrikotfloroj
paradas super kortomuroj nun.

Sub digo, laŭ la pado
ombrita de salikoj verdaj
mi iras ĉiutage jen kun ŝato
matene kaj vespere al la rojo.
Mi vidis salikflokojn en flugado
trijare flirti plene en aero,
sed mia kara homo sub sortbato
ankoraŭ ne revenas de ter-vado.

*Ajksoj: ambirdoj (*Aix galericulata*)

## Su Shi (1037-1101)

—laŭ melodio *Akva drako*

Salikoflokoj ŝajnas floroj, sed
ne estas floroj, kaj neniu donas
atenton, kiam ili falas sen rimed'
sur vojorandon triste kaj sensente.
Konjektas mi, ke la sento kun obsed'
de afliktiĝ' difektas molan koron.
Jen lac' fermigas la okulojn de koket'
kaj ili en fermeto des pli ĉarmas.
La sonĝo ŝvebas foren kun ventet'
por serĉi l' lokon, kie la amato estas,
sed l' oriola ĉirpo vekas min el
sonĝkviet'.

Mi ne malamas, ke salikflokoj tute falas,
mi nur malŝatas, ke ja malfacilas
por la falintaj floroj sin kunligi en
ĝardeno.
Post vento, pluv' matenaj tago brilas,
sed kie trovas sin salikoflokoj ?
Jam ili ŝvebis en la lagon kaj similas
al lemnoj, kiuj punktas akvsurfacon.
Se l' belon de l' printemp' admiras
jen oni per tri laŭdoj, la du laŭdoj
al polv' el flokoj kaj falfloroj iras,
kaj l' unu al la fluoj susurantaj.
Sub vid' zorgema oni certe miras,
ke ili estas ne salikofloroj la falintaj,
sed larmogutoj ĉe disiĝ' senspiras.

—laŭ melodio *Feo en kaverno*

Feine havas ŝi glacian haŭton
kaj jadajn ostojn, kaj nature,
kun frisk', malhavas ŝviton.
Zefiro blovas jen susure,
plenigas l' akv-palacon* per aromo.
Brodita pordkurten' iome nure
apertas, sub la brila lunolumo,
la belulin' ankoraŭ en lito bule
maldorma, apogas sin jen sur la
kapkuseno
kun haroj distaŭzitaj kaj harpinglo
ŝovita rigle — belfigure.

Mi ellitiĝas, prenas ŝian manon,
kaj iras al la kort' silenta.
De temp' al temp' ni vidas
en malhelbluo firmamenta
kometoj fulme kuras inter steloj.
Kiel profundas nuna nokt' arĝenta?
Jam en meznoktaj horoj.
La lun' paliĝas jen en blovo venta,
kaj steloj jam malalten sinkas.
Do, kiam venos vento okcidenta?
Ŝi fingre prikalkulas.
Nerimarkite jaroj pasis for
sen nia sci' atenta.

**akv-palaco: la palaco konstruita per palafitoj super akvo.*

*Elĉinigis*



**Vejdo (Ĉinio)**

## Yuan Zhen (779 – 831)

## Tri poemoj por mia edzino

1.

De kiam vi, filino plej amata en la hejmo,
Vin edzinigis al mi, ĉio iris malfavore.
Por mi, povrulo, pene vi prifosis vestokeston,

Aĉetis vinon kontraŭ l' ora harpingl' bonkore.
Sovaĝajn herbojn, kiel frandon, vi volonte
prenis;
Dum por hejtaĵo vi ŝuldiĝis al soforoj oldaj.
Hodiaŭ el l' ofico mi enspezon grandan havas,
Per kiu mi oferas al vi kun memoroj fortaj.

2.

Iame ni parolis ŝerce pri aranĝ' postmorta,
Nuntempe antaŭ mi, ve, ĉio ĉi prezentas sin.
Vestaĵoj viaj estas preskaŭ almozodonitaj,
Nur kudrilujo restas, kiu nun konsolas min.
Kun via amo mi kompatas tiun servistinon,
Kaj pro sopira sonĝo monrimedon al ŝi donas.
Mi bone scias, ke bedaŭron tian ĉiu havas,
Sed ke ĝi, al mizera paro, des pli triste sonas.

3.

Sidante sola, mi veploras pri vi kaj eĉ mi
mem:
Eĉ ni kunvivus— ĉu ne efemeras— dum
jarcento?
Senfila Denyou* devis vei pri la Providenco,
Kaj Panyue** pri l' edzino vanis versi en
lamento.
Nun ke ne plenumiĝas la kunest' en sombra
tombo,
Ĉu la alia rekuniĝo ne estus ĥimera?
Mi, nur per ĉi sopiro dum sendorma tuta
nokto,
Repagas al vi, kiu vivis zorga kaj mizera.

**Denyou: Homo el la dinastio Xijin, kiu oferis sian filon por elsavi sian nevon.*

***Panyue: Homo el la dinastio Xijin, kiu verkis tri elegiajn poemojn por funebri pri sia edzino.*

*Elĉinigis*



**Minosun (Ĉinio)**



# Zhuangzi

## ĈAPITRO DUDEK-DUA

## Inteligento vojaĝas en la nordo

### §22-01

Kiam Inteligento vojaĝis en la nordo, li alvenis al la bordo de la Obskura Akvo. Suprenirinte sur la monteton Yinfen, li hazarde renkontis Senagadon kaj diris al tiu:

"Mi volus meti al vi demandojn. En kia maniero mi devus pensi kaj mediti por koni la Taŭon? Kiel mi devus vivi kaj konduti por konformigi min al la Taŭo? De kie mi devus ekiri kaj kian vojon mi devus sekvi, por atingi la Taŭon?"

Inteligento metis tiujn ĉi tri demandojn, sed Senagado donis nenian respondon. La kialo kuŝis ne en tio, ke li ne volis respondi, sed en tio, ke li ne sciis respondi.

Povante ricevi nenian respondon de Senagado, Inteligento iris al la suda bordo de la Obskura Akvo kaj supreniris sur la monteton Huque. Tie li renkontiĝis kun Frenezo kaj ripetis al tiu la samajn demandojn.

"Ho, mi scias respondi tiujn ĉi demandojn. Mi volus doni la respondojn, sed mi ĝuste nun forgesas, kion mi diros," diris Frenezo.

Povante ricevi nenian respondon de Frenezo, Inteligento iris al la Flava Imperiestro kaj ripetis al tiu la samajn demandojn. La Flava Imperiestro diris:

"Vi povos sciiĝi pri la Taŭo sen pensado kaj konsiderado. Vi povos konformigi vin al la Taŭo sen vivado en ia ajn loko kaj farado de iu ajn afero. Vi povos atingi la Taŭon sen ekiro de iu ajn loko kaj sekvado de iu ajn vojo."

Poste Inteligento ree demandis:

"Nun ke vi kaj mi scias tion, dum Senagado kaj Frenezo ne scias tion, kiu do estas prava?"

"Senagado estas vere prava," diris la Flava Imperiestro, "kaj Frenezo estas preskaŭ prava. Mi kaj vi estas malproksime de la Taŭo. Tiuj, kiuj scias, ne diras, kaj tiuj, kiuj diras, ne scias. Tial la perfekta homo instruas sen paroloj. La Taŭo ne povas esti akirita, kaj la virto ne povas esti atingita, dum la humaneco estas praktikebla kaj la justeco estas nekompletigebla kaj la rito kondukas al la hipokriteco.

Jen kial estas dirite: 'Kiam la Taŭo estas perdita, estiĝas la virto; kiam la virto estas perdita, estiĝas la humaneco; kiam la humaneco estas perdita, estiĝas la justeco; kiam la justeco estas perdita, estiĝas la rito. La rito estas flora ornamo de la Taŭo kaj la komenco de la malordo.' Kaj estas dirite ankaŭ: 'Tiu, kiu sekvas la Taŭon, malpliigas siajn agojn tagon post tago. Malpliigi kaj ankoraŭ malpliigi ĝis nenio estas farata; kiam absoluta nenio estas farata, nenio restas nefarata.' Ĉar en la nuna tempo ĉiam estas io serĉata, tial estas malfacile por la homoj reveni al la Taŭo. Estas nur la perfekta homo, kiu povas reveni al la Taŭo.

"La vivo estas la daŭrigo de la morto kaj la morto estas la komenco de la vivo. Neniu precize konas la ordon, kiu estras tiun ĉi ciklon de vivo kaj morto. La naskiĝo de la homo estas la kolektiĝo de la vitala energio, kiu siavice formas la vivon. La disiĝo de la vitala energio kaŭzas la morton. Se la vivo kaj la morto estas tiel strikte ligitaj unu kun la alia, kial do mi devus esti maltrankvila pri la morto? Tial ĉiuj estaĵoj en la mondo estas en la sama ciklo de la vivo kaj la morto. Sekve tio, kio estas bela, povas esti konsiderata kiel io mirakla, dum tio, kio estas malbela, povas esti konsiderata kiel io abomena. Io abomena povas esti transformita en ion miraklan kaj io mirakla povas esti transformita en ion abomenan. Jen kial estas dirite: 'Ĉio en la mondo estas atribuita al la sama vitala energio,' kaj tial la saĝuloj plej alte taksas la unuecon de ĉiuj estaĵoj en la vitala energio."

Inteligento diris al la Flava Imperiestro:

"Mi demandis al Senagado demandojn, sed li donis nenian respondon. La kialo kuŝis ne en tio, ke li ne volis respondi, sed en tio, ke li ne sciis respondi. Mi demandis al Frenezo demandojn, sed li ne diris al mi, kion li intencis diri. La kialo kuŝis ne en tio, ke li ne volis respondi, sed en tio, ke ĝuste tiam li forgesis, kion li estis preta diri. Vi komprenas miajn demandojn, sed kial vi diras, ke mi estas malproksime for de la Taŭo?"

"Senagado estas vere prava," respondis la Flava Imperiestro, "ĉar li scias nenion. Frenezo estas preskaŭ prava, ĉar li ne scias kiel al vi respondi. Mi kaj vi, ni neniam alproksimiĝos al la Taŭo, ĉar ni scias pri ĝi."

Aŭdinte pri la paroloj inter Inteligento kaj la Flava Imperiestro, Frenezo konkludis, ke la klarigoj donitaj de la Flava Imperiestro estas la plej profunda kompreno pri la Taŭo.

### §22-02

La ĉielo kaj la tero havas la plej altan virton, sed ili diras nenion pri ĝi. La kvar sezonoj sin sekvas regule laŭ evidenta leĝo, sed ili neniam diskutas pri ĝi. Ĉiuj estaĵoj havas sian kompletan kaj distingan konsiston, sed ili donas nenian klarigon. La saĝulo esploras la plej admirindan funkciadon de la ĉielo kaj la tero, por havi profundan komprenon pri la leĝoj de ĉiuj estaĵoj. Tial la perfekta homo sekvas la naturon kaj faras nenion, kaj la plej granda saĝulo faras nenian iniciaton. Tio estas nomata "la sekvado de la modelo de la ĉielo kaj la tero".

La ĉielo kaj la tero havas mirindan diecon, kiu transformiĝas kun la senfina ŝanĝiĝado de la mondo. La estaĵoj de la mondo estas submetitaj al la metamorfozoj en morton kaj vivon, en kvadratan kaj rondan, sed ili ne scias la fundamentan kaŭzon de tiuj ĉi procezoj. Ĉiuj estaĵoj havas ĉiu sian propran vivprocezon kaj ekzistas ĉiu en sia vivmaniero ekde la pratempo.

Senfine vasta estas la universo, sed ĝi funkcias en la kadro de la Taŭo. La aŭtuna lanugo de la besto estas tre maldika, sed nur dank' al la Taŭo ĝi ricevas sian kompletan formon. Ĉiuj estaĵoj en la mondo ĉiam ŝanĝiĝas kaj senĉese renoviĝas dum sia vivo. La jino kaj la jango, la kvar sezonoj, alternas laŭ regula ordo. La granda Taŭo estas tiel obskura, ke ĝi ekzistas kvazaŭ ĝi ne ekzistus. Fakte ĝi estas ĉieesta. Ĝi vigle funkcias kaj faras miraklojn, sen alpreni konkretan formon. Ĉiuj estaĵoj en la mondo estas nutritaj de ĝi, sed ili ne scias pri ĝia ekzisto. Tio estas nomata "la radiko de la universo". Kiu konas tiun ĉi komunan radikon, kapablas observi la leĝojn de la naturo.

*Elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinio)**

# Ĉineske

## Jadranka Miric (Serbio)



### Angoras ni pro covid-19

Ho, mondo
en kvaranteno!
Timigas nin seka tuso
kaj febro. Jen, subteno
mia kun peno.

Restu ni
hejme . Ekstere solaj
je distanco socia.!
Preterpasu ni mutaj
buŝe maskitaj.

Virusa
pandemio.Ve
ankoraŭ ne solvita.
Miloj jam mortis kaj tre
multe mortos.Ve!

Disiĝas
familianoj.
Oni fermis ŝtatlimojn.
De labor' plenas manoj
kontraŭ malsanoj.

Laboris
nokte kaj tage
ni por savi homaron.
Volontuloj senpage
agis senvage.

### Ŝi vidis ĉielarkon

Ekpluvis.
Aer' freŝiĝas
Milde kasesas vin .. Jen
ĉielarko aperas.
Koloroj viglas

Leviĝas
ĉielarko sur
blua klara ĉielo.
Sunradioj falis sur
arbon apud mur'.

Noktiĝis
tre rapide .
Aperis pala Luno.
Brakumas paron ride.
Ĵus vidalvide .

Ektremas
koro de junul'
pro am'ondo kreskonta.
Li estas bona fakul'
sed urba povrul'.

Brakumo
forta kiel Lun'
kun stelaro sur ĉiel'.
kiel konfitaĵ' de prun' .
Ardas kiel sun'.

### Ferumigita rivero-Malnova monto/Goĉ-Serbio

Susuras
betulbranĉaro.
Murmuras rivereto.
Alten fluganta aro.
Nigra birdaro.

Aprila
forta ventego.
Ektondris en oreloj!
Poste sekvis fulmegoj.
Jen, ekpluvegoj!

En montoj
akvofaloj ne
estas plu certaj. Homoj
katenigis ilin . Ve.

Fiaj ĉi mortoj.

Aŭrore
kiu murmuros?
Kiu rulados ŝtonojn?
Kiel monto plu vivos?
Ĉu ĝin plu benos?

Vivos plu
en tubo river'.
ferumita.Sklavoviv'.
Kiel malbenita ter'
sen plua prosper'.

*Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimarangô xa,xa,a (x=senrima).

## Rita Mkrtchyan (Armenio)

### La fortuno

La fortuno ĉiutage lasas sian domon kaj vagante, elektas kaj alproksimiĝas iun homon.

Homoj estis diversaĝaj, diverspovaj, sed ĉiam okazas en supro de feliĉo, eĉ se fortuno alvenas por ne tiel longa tempo.

Iam fortuno alproksimiĝis al la homo, kiu sidis sur benko kaj aspektis malfeliĉa. Kiel ekmiris "ŝi", kiam homo ekstaris kaj rifuzis de "ŝia' alveno kaj helpo.

La fortuno ne havis permeson interparoli kun homoj, tamen demandis lin: "Kial vi returniĝis de mi?".

"Por ricevi prosperon, mi devas esti libera, sed mia vivo dependas de multaj homoj, kaj mi ne povos ĝui la prosperon pro multaj kaŭzoj, pro diversaj cirkostancoj."

La fortuno silente atentis klarigon de la homo kaj rapidis reveni hejmen. "Ŝi" devis ekscii de siaj majstroj pri venonttaga alproksimiĝo al la homoj.

La fortuno ankaŭ ne estis libera.

### La mondo, kiun ni vidas

Li estis tre aktiva en sociaj retoj. Preskaŭ ĉiutage li verkis, enmetis en sian paĝon poemojn, citaĵojn.

Li priskribis belecon de neĝaj montoj,de sia lando, rakontis pri antikvaj memorindaĵoj, pri florantaj arboj printempe, kaj post ĉiuj strofoj legantoj ĝuis belajn fotojn.

Li havis multajn geamikojn, partoprenis en komentojn, rakontis pri sia bonega vivo, pri lando, invitis viziti la urbon, landon.

En tiu tago en la ĉambro iĝis malvarme kaj li alvokis filon fermi la fenestron.

-Verŝajne, hodiaŭ pluvos, mi sentas odoron de aŭtuno,- diris li al filo.

-Ĉu vi diktos al mi novan poemon?- kun kareso en voĉo demandis filo.

-Jes, nepre. Mi "vidas" belegan folifalon en nia ĝardeno.

La filo helpis, ke blinda patro alproksimiĝu kaj sidu apud li ĉe komputilo.

Komenciĝis nova tago de ĉiama, jam kutima vivo.

### Amo kaj Racio

Amo sidis surtere kaj ploris:

—Mi ne povas forlasi lin, li estas plej bona el ĉiuj.

Racio konvinkas Amon:

—Li ne estas bonkora, liaj sentoj ne estas sinceraj. Vi ne iĝos feliĉa.

—Mi ne imagas mian ekziston sen li, sen liaj amvortoj, promesoj,- kun larmoj respondis Amo.

Racio brakumis Amon kaj denove klarigis, ke ĉio estas nur promesoj, nur vortoj,kaj enamiĝo diferencas de vera amo.

—Mi vidas lin sen rozaj okulvitroj kaj vidas vian estontecon, - daŭrigis Racio.

Amo iomete trankviliĝis, silentis kaj post ioma tempo kun tremanta voĉo diris:

—Eble vi pravas.

Racio akompanis Amon, eksidis en saman lokon, kie estis Amo kaj meditis pri sia unua venko, kiu okazis en la vivo.

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Retadreso: vejdo@163.com
www.elerno.cn/penlisto.htm
_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_